2025/05/
3:47

**Infektantoj nun estas pli rapide identigeblaj**

<br>

Esploristoj de la Teknika universitato de Munkeno kaj de la Imperia Kolegio de Londono disvolvis metodon por la pli rapida identigo de infektantoj. Helpe de la nova tekniko la atendotempo de pluraj tagoj povas esti mallongigita al malmultaj minutoj. Tio povus revoluciigi la terapion.

Helpe de masospektrometroj kaj de bakteria datumbanko infektantoj estus signife pli rapide identigitaj. Esploristoj de la Teknika universitato Munkeno kaj de la Imperia Kolegio en Londono disvolvis novan metodon per kiu la atendotempo por la determinado de infektantaj bakterioj povas esti mallongigita de ĝis nun pluraj tagoj al kelkaj minutoj.

Tio ebligas pli efektivan terapion, raportis la munkena altlernejo. Tradicie la diagnozo de bakteriaj malsanoj funkcias per la longdaŭra izolado de la infektantoj kaj la preparado de bakteriaj kulturoj. Atendotempoj de pluraj tagoj estas ĉe tio la regulo. Nur post tio eblas komenci kun la celita kuracado de la malsano.

Ĉe ilia nova metodo la esploristoj utiligis la masospektrometrion, kiu estas procedo por la determino de la maso de atomoj kaj molekuloj. Per tio eblas rekte listigi en specimenoj de histoj kaj fekaĵoj specifajn metabolajn produktojn de bakterioj.

Inter la per la nova metodo identigeblaj bakterioj estas klinike signifaj infektantoj, kiuj povas ekzemple iniciati stomakan kanceron, aŭ kiuj estas respondecaj por inflamoj de pulmoj kaj de meningo (cerba membrano), aŭ kiuj staras en kunteksto kun fruaj naskoj kaj krome kun gonoreo aŭ veneniĝo de sango. Oni intencas nun plivastigi la datumbankon. Entute estas konataj kaj priskribitaj laŭ la esploristoj pli ol 1400 bakteriaj infektantoj.